2.ª Ep. AÑO III, N.º 14 (150) JULIO-AGOSTO 1965,

# Boletín

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



«Ĉi tie oni konstruas la Pacon.» La bildo montras la scenejon de la Unuiĝintaj Nacioj.
Por memorigi la 20an datrevenon de la fondiĝo de la U. N. la Ĝenerala Asembleo proklamis 1965 «Jaro de Internacia Kunlaboro».

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## De Secretaría

Está ya próxima la fecha para la celebración de nuestro Congreso; lo mismo el Comité Local que la Directiva de H. E. F., esperamos vuestra entusiasta colaboración que ha de manifestarse con vuestra asistencia al mismo. Asistencia que, para los esperantistas palentinos, servirá de compensación al trabajo que están llevando para organizar con toda brillantez los actos que han de celebrarse, y lo mismo para ellos que para la Directiva de H. E. F., de estímulo en su labor futura.

Como todos sabéis, se estaba preparando el homenaje acordado durante el pasado Congreso al P. Casanova, cuando se recibió la triste noticia de su muerte. Pocos meses después otra gran pérdida sufrió el esperantismo español, con la muerte del Prof. Dalmau.

Este año, para honrar la memoria de estos samideanoj desaparecidos, uno de los actos del Congreso será de recuerdo y homenaje a ellos.

Aparte de las palabras del Presidente de la Federación y la intervención de otros esperantistas, en este acto se hará oír en cinta magnetofónica la última conferencia que el Prof. Dalmau dirigió a los esperantistas españoles.

Una vez más, ha sido concedido matasellos especial con motivo del Congreso de Esperanto; noticia que estoy segura llenará de satisfacción a los esperantistas.

Del 18 al 26 de julio, la Secretaría de H. E. F., estará instalada en el Círculo Esperantista Palentino, calle Barrio y Mier, 15. Palencia.

### DONATIVOS PARA BOLETIN

| | Ptas. |
|---|---|
| J. Martínez. — Bitem-Tortosa ... ... ... | 50,— |
| J. Perarnua. — Tarrasa ... ... ... ... ... | 350,— |
| V. Marín. — Barcelona ... ... ... ... ... ... | 50,— |
| A. García. — Bilbao ... ... ... ... ... ... ... | 25,— |
| J. María Serés. — Cervera ... ... ... ... ... | 150,— |
| S. Vidal. — Barcelona ... ... ... ... ... ... | 100,— |
| R. Herrero. — Valencia ... ... ... ... ... ... | 200,— |
| (Continuará) | 925' — |

* Je via dispono ni havas belajn kolorajn poŝtkartojn pri la venonta Kongreso, eldonitaj en Palencio. Prezo: 2 ptojn. ekzemplero.

* Ankaŭ vi povas mendi jam la belajn glumarkojn de la Kongreso. Prezo: folieto kun 6 gm. 1,50 ptjn.

* Novajn belajn pk. kaj kovertojn pretigis por vi la eldona Fako. Prezo Poŝtk ses ptjn· la deko. Kovertoj, ses ptojn. la deko.

* Poŝtkartojn kaj glumarkojn de la Kongreso vi povas mendi ankaŭ al la sekretario de la loka komitato. Sro. Dativo Blanco, str. Victorio Macho, 46, 3.º PALENCIA.

# Las Naciones Unidas y el Esperanto 

Quiero anticipar unas frases —en castellano, para que lleguen a quienes lean este Boletín no conociendo el Esperanto— a la bien trazada silueta de nuestro «pionero», señor Diez Mateo (ver pág. 5). En primer lugar, para felicitarlo cordialmente, y luego, dedicar unas breves líneas —obligadas por la efemérides, aparte las relaciones espirituales que con tal organización nos unen—, a las Naciones Unidas y a este Año de Colaboración Internacional.

Precisamente, cuando aparezca este número de nuestro «Boletín», habrán pasado muy pocos días de cumplirse el XX aniversario de la fundación de la «Organización de Naciones Unidas», tras la Conferencia de San Francisco, que duró del 25 de abril al 26 de junio.

La anterior Sociedad de Naciones había muerto al estallar la segunda guerra mundial, lo que sirvió a los constructores del nuevo organismo a aprovechar las enseñanzas de la experiencia para lograr una construcción más amplia, más universal y más sólida.

Como todas las cosas humanas, tendrá sus defectos; pero predominan las notas positivas que ofrecen un amplio margen de esperanza a los hombres de buena voluntad. Como tales, esperamos no puedan repetirse días tan tristes como aquellos en los que sorprendió al Dr. Zamenhof, cuando se dirigía al X Congreso Universal, que había de celebrarse en París, la declaración de la primera guerra mundial.

Para luchar con las armas del amor y de la comprensión frente a la guerra es para lo que, principalmente, lanzó él al mundo la idea de una lengua auxiliar internacional; en análogo sentido y con la misma ilusión, trabajamos todos los esperantistas.

De ahí la celebración en fecha tan destacada del AÑO DE LA COLABORACION INTERNACIONAL, en el que se trata de estrechar los lazos entre el mundo esperantista, principalmente la Asociación Esperantista Universal (U. E. A.), y las Naciones Unidas y en el que, a la vez que el primero ofrece pleno apoyo a las Naciones Unidas para fomentar la colaboración entre los pueblos y asegurar la paz mundial, se solicita de ellas que recomienden a los Estados miembros, como medio tendente a ello, el fomento de la enseñanza del Esperanto y estimulen su uso en las relaciones internacionales de los pueblos. En tal sentido se enviarán centenares de miles de hojas suscritas por personas y organismos de todos los países del mundo a las Naciones Unidas.

Quiera Dios que todos estos esfuerzos desemboquen en días más tranquilos, en los que la humanidad sepa sentirse como una gran familia: *«Unu grandan rondon familian»*.

*Miguel Sancho Izquierdo*
Presidente de H. E. F.

## Ĉefaj entreprenendaj paŝoj rilate la subskribo-kampanjon

*IVO LAPENNA*

Por ke la afero atingu plenan sukceson ne sufiĉas nur prezenti la proponon al U. N., eĉ se la nombro de subskriboj estos kontentiga, sed necesas ankaŭ antaŭprepari la prezenton de la propono kaj, post la prezento, apogi ĝin kiel eble plej efike. Mi do sugestas, konforme al la Laborplano, entrepreni jenajn paŝojn:

(I) Ĉiuj landaj, regionaj aŭ fakaj Esperanto-kongresoj, konferencoj, seminarioj aŭ aliaj renkontiĝoj nepre almenaŭ per kelkaj vortoj memorigu la JIK kaj sendu al la Generala Sekretario de UN, s-ro Thant, New York aŭ telegramon aŭ leteron, en kiu oni bv. esprimi la apogon al la klopodoj de UN intensigi internacian kunlaboradon, sed samtempe ankaŭ atentigi pri la lingvodiverseco kiel ĉefa obstaklo al atingo de tiu celo kaj pri la solvo, kiun prezentas Esperanto.

(II) La Universala Kongreso en Tokio estos grandparte dediĉita al JIK kaj ankaŭ ĝi sendos novan rezolucion al la Sekretariato de UN. La tekston kaj ĉion ceteran prizorgos la Estraro de UEA kaj sekve ne necesas ke pri tio vi zorgu.

(III) En la n-ro 3/1965 de la revuo Kontakto aperos mia artikolo sub la titolo «La Homaj Rajtoj kaj Lingva Diskriminacio». En tiu numero aperos ankaŭ aliaj artikoloj rilatantaj al JIK. Vi povas bone utiligi tiujn materialojn aŭ por prelegoj aŭ por pridiskuto en studorondoj. Bv. komuniki tion aŭ per viaj landaj organoj aŭ per aparta cirkulero al la lokaj grupoj aŭ sekcioj.

(IV) La 24-a de oktobro estas la Tago de UN. Ĉu tiun tagon mem, ĉu en iu alia tago tre proksima al la 24-a de oktobro, prefere antaŭ tiu dato ol post ĝi, necesus organizi prelegojn aŭ aliajn pli solenajn aranĝojn dediĉitajn al UN. Ĉiuj niaj lokaj grupoj devus havi apartajn kunvenojn kun taŭga programo dediĉita al la rolo kaj laboro de Unuiĝintaj Nacioj sur la kampo de internacia kunlaboro. Tiuj kunvenoj nepre devus sendi leterojn aŭ telegramojn al la Generala Sekretario de UN en New York kun gratuloj pro la datreveno, bondeziroj por sukcesa agado sur la kampo de internacia kunlaboro kaj, denove, atentigo pri la lingva problemo kaj la solvo kiun prezentas Esperanto.

(V) Nur post tio UEA solene transdonos la proponon al la Sekretariato de UN. En la nuna momento la ĉefa afero estas organizi kaj plenumi la suprajn sugestojn. La postaj paŝoj dependos grandparte de la sukceso de la supre prezentitaj sugestoj. Mi do plej varme petas agi konforme. Se ni ĉiuj efektive plenumos niajn taskojn, ĉiu en sia funkcio, tiam ni povos atingi tian rezulton, kian neniam ĝis nun en la historio de Esperanto ni atingis. Sed se parto de la Movado neglektos tiun ĉi klopodon, tiam apenaŭ estos imagebla ia ajn pozitiva rezulto. Kaj tio denove signifos, ke ni estos preterpasintaj unikan okazon.



## Niaj pioniroj...

# Félix Diez Mateo

Esperantujo riĉas je valoraj homoj. Apud grandaj koroj troviĝas kulturitaj mensoj, disvolviĝintaj kapabloj por kompreni la gravecon de la homaj problemoj kaj firman decidon batali ĝis realigo de kontentiga solvo. «Niaj Pioniroj» aperigis jam nombron de tiaj homoj kaj nun atingas pluan honoron prezentante al niaj samideanoj la palencian pioniron Felix Diez Mateo.

Vivo riĉa je spertoj kaj travivaĵoj, titolita en Hispanio, Felix Diez Mateo plulernis en la Universitatoj de Parizo, Londono, Muniko kaj Bon. Profesoro, kelkajn jarojn Prezidanto de la Grupo Esperantista de Bilbao, kaj Lingvo Komitatano, Sro. Diez instruis Esperanton al elektitaj gelernantoj en publika lernejo de Bilbao. En Salamanca, li profesoris kurson por teologoj de la Pontifika Universitato, kaj alian en la Pedagogia Universitato de Tunja (Kolombjo). Dum proksimune du jarojn li kunlaboris en la ĵurnalo «El Pueblo Vasco» (nun «Correo Español») en faka Esperanto rubriko. Elstara, profesia tradukisto, kaj pro tio bona konanto de la poblemoj kiujn prezentas al la homaro la lingvodiverseco en la internaciaj rilatoj, publike defendis Esperanton ĉiam kiam la okazo prezentiĝis. Tiasence lia vivo estas abunda je sukoplenaj anekdotoj, kiel ekzemple, iam en Dresdeno (Germanio) kiam dum publika prelego kontraŭ Esperanto li, instigita de amiko, kuraĝis refuti la prelegiston kaj, fronte al la publiko citis frazon el Fausto de Goethe «Wir sind gewohnt, dass die Menschen verhöhnen, was sie nicht verstehen» (Ni jam alkutimiĝis al tio, ke la homoj primoku tion kion ili ne komprenas). Poste sekvis informa parolado pri Esperanto kaj la fina rezulto estis, ke la argumentado favore al Esperanto konvinkis eĉ la prelegiston mem.

Felix Diez Mateo estas aŭtoro de la libro «Esperanto Praktika Metodo», kies dua eldono jam elĉerpiĝis kaj kies trian reformitan eldonon li pretigas. Li ankaŭ verkis «Agenda del Estudiante», «Agenda del Escolar», «Diccionario Español Escolar Etimológico»; Academo-Diccionario Español Etimológico, etc., etc. Li ankaŭ tradukis por Espasa-Calpe multajn verkojn el germana kaj rusa lingvoj. Ŝatantoj de la plaĉa librokolekto Austral, trovos en ĝi elrusigoj de verkoj de Puŝkin, Aksakov, k.t.p. de li faritaj. En ĉi tiu numero de Boletín la leganto ĝuos lian bonegan tradukon el la rusa de poemo de Nekrasov.

Al niaj kutimaj demandoj li respondas jene:

1.—*Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?* — En Bilbao. En la jaro 1906.

2.—*Kiu estis la ĉefa faktoro, kiu instigis vin lerni Esperanton?* — Mia frato. Dum ni promenis somerdimanĉon tra Deusto (tiam ankoraŭ ne estis ĝi kvartalo de la urbo), ni aŭdis aron da junuloj kanti en Esperanto, kaj post klarigo de mia frato pri la celo de tiu lingvo, mi decidis partopreni kurson de skolapiulo por titolitaj personoj. Altrangaj esperantistoj kiel Johano Zavala, Viktor Olegario Allende, Teodoro Elizondo, fondis la revueton «Nova Sento», en kiu mi kunlaboris.

3.—*Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?* — La interkomprenado de la homoj en paco kaj sen trudo de iu ajn nacia lingvo. Krom tio mi povas certigi, ke Esperanto —kiel kvintesenco de la lingvistika filozofio— faciligas la ellernado de fremdaj lingvoj.

4.—*Kion vi —spertulo— konsilus al la Esperantista aro por pliviglìgi kaj pligrandigi nian movadon?* — Profiti ĉiun okazon por pruvi la utilecon de Esperanto; varbi samideanojn kaj atingi ke oni klarigu Esperanton en lernejoj (elementaj kaj superaj), sed precipe prepari profesorojn.

5.—*Post via longa vivo esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?* — Rideti estas grava, moki estas sensenca; malgraŭ ĉia moko ni sekvu kun rideto nian vojon. Antaŭen ĉiam!

---

# AL LA XXVIa HISPANA KONGRESO

## PENSANTE PRI L' TERURO DE MILITO

Pensante pri l' teruro de milito,
Ĉe ĉiu nova de batal' viktimo
Mi plendas nek edzinon, nek amikon,
Nek por heroo estas mia timo.

Konsolon trovas la edzin' denove,
Amikon ankaŭ amiko forgesas,
Sed ie vivas en solec' terura
Anim' por kiu la dolor' ne ĉesas.

Inter niaj hipokritaj agoj
Kaj sensencaj prozaĵoj de la vivo
En la mondo nur la patrinaj larmoj
Esprimo estas de kor', ne fiktivo.

Tiuj estas sinceraj, sanktaj larmoj
De malriĉa, maljuna la patrino;
Sian filon neniam ŝi forgesos,
Ĝis la morto ŝi ploros lin sen fino.

*El rusa originalo de Nekrasov*
*Tradukis: Felikso Diez Mateo*

# BASKA LANDO

*OTAOLACIOS*

***Anglo venis en Bilbaon
por riveron kaj maron vidi
sed, vidinte bilbaoaninojn
jam ne plu volis foriri.***

La Baska Lando konsistas el provincoj ALAVA, GIPUTZKOA, BIZKAJA k almenaŭ parto de NAVARRA. La tri provincoj ĵus menciitaj enhavas surfacon de 7.260 km², k loĝantaron de pli ol 1.500.000 enloĝantoj. Nia regino estas la plej dense loĝata parto de la Iberia Duoninsulo: ĉ. 200 enloĝantoj po km².

Ĝi situas inter la Kantabra Maro (Bizkaja Golfo), Francujo, NAVARRA provinco k. la provincoj aljuĝitaj al Kastilujo nomataj LOGROÑO k. SANTANDER k. la neta kastila provinco BURGOS. La Baska Lando posedas abundan vegetaĵaron kiu refleksas la klimatan k orografian komplekson. Plejmulte oni povas trovi arbarojn de kadukiĝantaj folioj kun abundo de kverkoj k. fagoj. La fagoj de tiu-ĉi region estas la plej abundaj k elkreskintaj en la tuta Iberia Duoninsulo.

La geologia historio de tiu-ĉi regiono elmontras, ke ĝi estis, dum tre longa tempo terzono de submovoj k akumulingo de restaĵoj.

La nomo de nia lando en la baska lingvo estas Euskalerria, aŭ Euzkadi.

La baskoj sin defendis en alta grado kontraŭ la roma influo, bone helpataj por kontraŭstaro k sindefendo de la abruptaj montaroj k mallarĝaj valoj de la lando. Pro la sama kaŭzo, la baskoj konservis, dum multaj jarcentoj, altgradan sendependecon. La plej elstaraj montoj en la baska regiono ne estas tro altaj. Ili mezuras 1.548 m. sur la marnivelo («Aitzgorri»), 1.538 m. («Gorbea-monto»), 1.318 m. («Amboto-monto») k 1.128 m. («Aralar-monto). La unua citita monto estas lokita en provinco GIPUTZKOA. Sekvas «Gorbea» k «Amboto» lokitaj en BIZKAJA K ALAVA la lasta estas lokita en NAVARRA provinco.



**La plej pur-rasaj baskoj estas ĝenerale altstaturaj k posedas sufiĉe longan nazon k larĝan kolon. Entute, fortikan aspekton.**

La plej tipa loĝloka formado estas la dis-separiĝo k dis-konstruo de la kamparaj k surmontaj dometoj en malgrandaj vilaĝoj. La baskoj ĝenerale posedas profundan religian senton.

La baska kuirarto distingiĝas per tre bongustaj k bone kuiritaj nutraĵoj. Inter la multaj baskaj manĝaĵoj, ni citu kiel plej tipajn la «marmitako», de la fiŝkaptistoj. Gadfiŝo, laŭ «pil-pil» k «bizkaja» maniero, sepioj, ĉefe en nigra saŭco, rostitaj grandaj sardenoj, angilidetoj, bistekoj de «BERRIZ» k «ORIO», plenŝtopitaj kapsikoj... k. c.

ALABA, estas la plej granda el la tri malgrandaj provincoj. Ĝi etendiĝas inter Baskujo k Kastilujo k estas kvazaŭ «transira» grundo. Ĝi prezentas al ni la belecon de ĝiaj kontrastoj: soifantan terenon ĉe la sudo k ombrumatan verdecon en la arbaroj de l' nordaj altaĵoj de senkompara beleco. Ĝi posedas, krom tio, salminejojn, naturgazan elŝprucejon k agrobestaran riĉecon.

GIPUTZKOA, kies ĉefurbo estas San Sebastián (Baske: «Donostia» k «Ea-

so»), estas nomata la «vedette» de l' Kantabra Marbordo, kun sia mondkonata strando ĉirkaŭita de l' montoj «Urgull» k «Igueldo». Ĝi ĝuas famon kiel «kosmopolita urbeto». Ankaŭ estas menciindaj la belaj ĉemarbordaj porsomeraj restadejoj kiel ZARAUTZ, GETARIA, ZUMAJA, DEBA k la fiŝkaptistaj k samtempe industriaj urbetoj ORIO k MOTRIKO.

La ĉefa havenurbo, sed tre malgranda urbo estas PASAJES (baske: PASAJA) kun tamen sufiĉe grava industrio, ĉefe fiŝkaptista, fiŝpeklada, likvora k olea. Krom tio, la malpeza k papera industrioj konstituas la ĉefan riĉecon de tiu-ĉi provinco.

BIZKAJA, plejmulte k tutmonde konata provinco ekde tre longa antikveco, pro la ekspluatado de la ferminejoj kies transformiĝo okazigis la kreadon de sennombraj diversaj entreprenoj de granda famo en sia aparta specialaĵo. Kiel tipa k ĉefa industria centro ni citu la Altajn Fandejojn de BARAKALDO k SESTAO, ne malproksime de la ĉefurbo BILBAO. Ĉirkaŭ ĉi-tiuj laste cititaj loĝlokoj ekzistas gravaj industri-ĥemiaj entreprenoj kiel «Sefanitro» k «Dow-Unquinesa», krom aliaj pli malgravaj. Ankaŭ ekzistas gravaj ŝipkonstruejoj laŭlonge de la rivero «Nervión» (baske: IBAIZABAL) k oni konstruas diversajn elektrajn k gasoilmotorojn, ŝarg —k turist— aŭtomobiletojn, vaporkaldronojn, elektra maŝinaro, pneŭmatikaj radoj, ĥemiajn sterkaĵojn... k. t. p.

Malgraŭ tio, ke la distanco inter Bilbao k la maro estas je 12/14 km., oni povas konsideri kiel proprajn la strandojn de «Las Arenas», «Ereaga» k «Arrigúnaga», situantaj en la loĝlokoj nomataj Las Arenas, Alporta k Neguri kiuj apartenas al provinca komunumo nomata «GEĈO» («Santa María de Guecho»). En tiu ĉi kvartalaro ekzistas luksaj k ampleksaj somer-restadejoj, belaj vilaĝoj koketaj somerdometoj k kamparaj loĝejoj, golf- k tenisaj kampoj, hipodromo k celtrafa pafkampo. Krom tio, ekzistas du-tri maraj kluboj, kies anoj estas ĉefe monhavantaj bankistoj aŭ diversaj entreprenemuloj de la ĉefurbo k ties ĉirkaŭaĵoj. Je 20 km. nordorienten de la ĉefurbo ekzistas la strando de SOPELANA, unu el la plej ampleksaj de BIZKAJA. Pli nordorienten, ekzistas ankoraŭ, je 29 km., PLENCIA k GORLITZ kies plaĝoj unuigitaj formas, ĉefe je malalta tajdo, belan k ampleksan konkoforman strandon.

Laŭ arta vidpunkto, ni povas citi en Bilbao la Preĝejon de Sankta Anton', gravurita en la Urba Ŝildo. Oni komencis ĝin konstrui ĉe la fino de l' XIV jarcento, sur la ruinoj de la plej antikva «Alkazaro». La Bazilico de «SANTIAGO» (Sankta Jakobo), hodiaŭ fariĝinta Katedralo, apartenas al flora gotika stilo, reformita post la granda brulado kiun tiu-ĉi konstruaĵo suferis en la jaro 1571. Ĝian unuan gotikan stilon oni ankoraŭ povas admiri en la «klaŭstro» k en la kolonoj k ogivoj de ĝia konstruo. La Sankta Baziliko de Nia Sinjorino de «BEGOÑA», paroĥeja preĝejo dediĉata al la Sankta Patronino de BIZKAJA, estas konstruaĵo de l' XVI.ª jarcento, kiu entenas altvalorajn pentraĵojn. Sankta Francisco el Assisi, kiu sekvas la direktivojn de l' moderna gotika arto. Sankta Vincento, la Martiro, konglomerato de gotikaj k renesancaj direktivoj. Ĝia interna parto estas tipe riĉa k luksega. Sankta Petro (en DEUSTO) aspektas kiel preĝejo de mezaĝa origino k klare oni povas percepti en ĝi partikularaĵojn de tiuj preĝejoj apartenantaj al tielnomataj Bastionpreĝejoj.

Ankaŭ oni povas trovi en Bilbao Belartan Muzeon, kie oni povas admiri altvalorajn kolektojn de «El Greco», Goya, Ribera, Velázquez, Zuloaga, k. c. k. ankaŭ ni havas en tiu ĉi urbo Arĥeologian k Etnografian Muzeojn kie oni konservas iberiajn k romanajn restaĵojn k ankaŭ ceramikaĵojn k diversajn prahistoriajn ilojn de la provinco...

Amata simbolo de la lando estas la fama «ARBO DE GERNIKA», ĉe kies ombro kunsidis la antikvaj baskoj por fari siajn decidojn k ellabori siajn proprajn leĝojn. La baska popolo estas nobla k larĝanima, gastama k helpema, laŭ tute natura maniero, sen afekto nek emfazo. Ĝiaj plej karakterizaj trajtoj estas: granda emo al abunda manĝo k bona trinko, kiel ĉiutagaj komplementoj de ĝia aventurema, laborema k vojaĝema temperamento.

Tre ŝatata spektaklo, precipe en la vilaĝoj, estas la elmontro de fizika forto: levi plurfoje tre pezajn ŝtonblokojn, haki arbotrunkojn konkure, k. t. p. Sed preferata ludo estas tiu per pilko, ĵetante k reĵetante ĝin kontraŭ altan muron, jen jer la mano aŭ jen per ligna batilo aŭ speciala kurboforma korbeto, alĝustigita ĉe la antaŭbrako aŭ manradiko. Tiu-ĉi ludo fariĝis universala, sed la eksterlandaj turistoj k vizitantoj povas ĝui la ŝancon vidi ĝin en ĝia propra medio.

Bilbao, 31-V-1965.

# Rememorante

# Prof-on Delfí Dalmau

*Gabriel MORA ARANA*

Dum restas nuda rozo senpetala
en vazo de funebro kaj doloro,
ne foras la parfumo senegala
de l' viv' genia kaj de l' nobla koro.
Ni dronas en l' ondaro de l' realo,
sed omaĝem' eltiras la kuraĝon...
(Ho, via plurfaceta idealo
ŝanĝu senhelpon en orsablan plaĝon!)

Ho, vivospuro de ĉiama daŭro!
L'agad' montriĝas per unika brillo,
vokante rajton je renom' kaj laŭro,
kiel atesto de mirinda stilo,
elfido pionira kaj rezulto
de laborad' fekunda: celefiko
kun DIALEKTO KAJ DIALEKTIKO.

Manifestiĝas kondolenca kulto
kiu sinceras je orfec' kaj laŭdo,
pro la forpas', de l' majstro kaj amiko,
dum la etoso de la Sankta Ĵaŭdo.

# PREMIO "COMELLA-BASSOLS"

## SEPA KONKURSO

**Oni ricevos 2000 pesetojn por la plej bona gaja rakonto en Esperanto**

*Generalaj reguloj*

1.ª La konkursaĵoj havu la amplekson de po 2.000-3.000 vortoj.

2.ª La konkursaĵoj nepre estu maŝinskribitaj, kaj oni sendu 4 ekzemplerojn.

3.ª Oni skribu sur ĉiu rakonto pseŭdonimon por kaŝi la identecon de la aŭtoro, kaj —en aparta koverto— sian nomon kaj adreson kune kun la pseŭdonimo.

4.ª La Juĝanta Komisiono, laŭ testamento de Sro. Jacint Comella (kreinto de la Premio) konsistas el eksterlandaj samideanoj, membroj de U. E. A. kune kun katalunaj juĝantoj.

5.ª La konkursa kotizo, por unu aŭ pluraj rakontoj, estas 10 pesetoj por Hispanio, kaj 4 steloj aŭ 3 respondkuponoj por eksterlando. Por landoj kie ne estas eble sendi la kotizon, la partopreno estas senpaga.

6.ª Kiam publikiĝos la Verdikto, samtempe estos sciigata la koncerna Juĝantaro.

7.ª La limdato por la ricevo de konkursaĵoj estas la 31.ª de Aŭgusto de 1965.

Oni sendu ĉion laŭ la jena rekomendo:

Por la Konkurso COMELLA-BASSOLS
Sro. Francesco Vilá — Sekretario
Klubo Amikoj de UNESCO
Lauria, 12-1.º — BARCELONA-10 — Hispanio.



## EXPOSICION ESPERANTISTA

Con motivo del Año de Colaboración Internacional, se organizará en Vigo una exposición esperantista.

A todas aquellas personas que deseen colaborar en la difusión de la Lengua Internacional, y contribuir al éxito de dicha exposición, se les ruega enviar material esperantista (postales, sellos, impresos, carteles, folletos, medallas, etc., etc.), a la dirección siguiente:

Sro. Juan López Casteleiro. Calle Cedeira, núm. 8, 1.º, dcha. EL FERROL.

## ✳ Ni legis por vi...

*TIAJ NI ESTAS. — Originalaj kaj kompilitaj rakontoj de Sandor J. Bako. Verko lingve reviziita kaj rekomendita de Aŭstria Esperanto Instituto. Petoj ĉe Libroservo de H. E. F.*

Animon nature apertan al alies travivaĵoj montras la aŭtoron la libro kiu sub la titolo «Tiaj ni estas» verkis S. J. Bako el la materialo kiun la vivado al li provizis. En la antaŭparolo de la libro jam li skribis, ke ne li sed la vivo mem verkis tiujn rakontojn, sed eĉ se ni akceptas lian aserton ni ne povas pretervidi la lertecon kiun li montris en la re-kreado de personaj karakteroj, situacioj, sentoj kaj reagoj. Ĉiuj rolas sian parton homece, nature, sen verkistaj artifikoj kaj cetere la pleja parto el la rakontoj atingas la koron de la leganto pro la emocio kiun vekas en li la majstra priskribo de la sentimentoj de la roluloj; homoj kiujn la vivo trafis kaj spertigis jen ĝojon, jen malĝojon, sed ĉion vere, profunde, ĝismedole. Rakontoj plejparte trempitaj de tiuj bazaj, fundamentaj, homaj emocioj kaj sentoj, al kiuj tamen reagas ĉiuj homoj.

La aŭtoro kolektis kelkajn el tiuj rakontoj dum restado en militkaptitejo Tie li lernis ilin parkere por posta transcribo en cementsaka papero. Bedaŭrinde, antaŭ ol reveni en la patrion oni konfiskis la manuskripton. Posta reskribo ankaŭ perdiĝis. Finfine, li sukcesis kompili ilin libroforme kun aldono de aliaj rakontoj, enture 34, kiujn la aŭtoro prezentas nun al la publiko.

La prezento estas plaĉa; la lingvo bona; la rakontoj interesaj ĝis alta grado. Nur restas al mi konsili al la leganto rezervi sian ekzempleron ĉe nia *Libroservo*. Mi ne forgesu diri, ke la libro estas 252 paĝa kaj estis tradukita en la anglan sub la titolo «Behold You and Me...».

*N. L. ESCARTIN*

*EL TERO KAJ ETERO. — Originala **novelaro. Julia Pióro.** Mallonga prezento de Baldur Ragnarsson. Kvrilo de Jan Schaap Jr. STAFETO, Beletraj Kajeroj, 23. J. Régulo. Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj,* 1964. 12 x 18,5 *cm.* 116 *paĝ. **Prezo**:* 1,20 *usonaj dolaroj (aŭ **egalvaloro**).*

Ne estus malfacile al supraĵa prijuĝo loki Julia Pióro en senvivan, trompigan klasifikon literaturan. Apliki al ŝi kalkiĝintan artkriterion havus ja nenian sencon ĉar por la vera, *aŭtentika* leganto —tiu leganto kiu ŝatas senpere gustumi la riĉon el koro kaj menso de senartifika verkisto— tio havus nenian utilon. Ni iru do alian vojon.

En Julia Pióro oni povas ĝui fluan, simplan rakontmanieron; se ŝi ne ĉiam teksas ortodokse la temajn ĉeffadenojn —kio povus kelkloke senorientigi, eĉ malpaciencigi la leganton— tio suldiĝas, laŭ mia opinio, al la fakto, ke ŝi ankoraŭ ne sukcesis laŭigi sian internan vivriĉon, scisoifan ĉionapertan menson, al siaj verkistaj kapabloj, tiel ŝiaj rakontoj impresas kvazaŭ produktoj de naiva fantazio ĉe kiu —ĉu absurde?— klopodas paradi profundaj konceptoj.

Ok rakontoj, selektitaj el trideko da originalaj noveloj, konsistigas la debutlibron de S-ino Pióro. La unua, ekzilo, parte bazita sur historia fakto, temas pri milito inter du fratoj, princoj de Silezio. La dua, brulruĝo, estas estonteca rakonto kun scienco-fikcia stampo. Ruĝa truto, la tria ĉarmoplena rakonto, temas pri la vivo de du trutoj. En la aliaj: Pasaĝero de Raketo n.° 3; La Vojo; La Nevenkebla Urbo; Severa Leĝo; kaj Ekscelenco, la leganto ĝuos delikatecon, virinan sentemon, klopodon penetri en subtilan mondon de signifoj. Citaĵo pri la mistera «Rosae Crucis» kaj ties ĉefsimboloj «Rozo» kaj «Kruco», kun interpreto parte misa, eble montras la intereson de nia verkistino pri alielaj vivkonceptoj. Cetere la libro senas je tiu pedanteco kaj parademo kiuj ekas ofti en kelkaj el niaj pintuloj. Redakto de Baldur Ragnarsson garantias la lingvon. Resume: libro leginda!

*N. L. ESCARTIN*

*SUR LA VIVOVOJO. — Poemaro originala kaj tradukita. Aleksandro Logvin. Renkonto sur la vivovojo de Ferenc Szilágyi. Kovrilo de Jan Schaap Jr. STAFETO, Beletraj Kajeroj, 24. J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj,* 1964. 12 x 18.5 *cm.* 116 *paĝ. Prezo:* 1,20 *usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).*

Poeto estas estaĵo esence sopiranta aliel koncepti aŭ —kio estas la samo— vivi en alia, pli luma mondo; ordinare estas homo kies eksteraj vivcirconstancoj draste kolizias kun la ideala, orluma mondbildo zorgege vartata en la kora interno.

Aleksandro Logvin estas homo kiun la vivo batis el plej diversaj flankoj do liaj poemoj havas stampon de malĝojo, normala, eterna reago (kial!) de ĉiu sentema homo. Longvin ja ne estas escepto. Li, poeto, la eterna poeto, la sama veama, universala poeto!, prikantas kaj poetece priskribas ĉion ajn. La plej subtilaj vivnuancoj, perceptitaj en ĉiutagaj vivokazaĵoj, kaj fremdaj por la ordinara homo, vekas en li mondon el sentoj, kaskadon el mal— kaj feliĉaj memoraĵoj; bildoj plenaj je subtila parfumo, nepriskribebla emocio. Mirinda alkemiarto de la poeto.

La enhavo de la libro ne estas ordigita kronologie sed *teme*. Momentoj, Scenoj, Omaĝoj, Mesaĝoj, Meditoj kaj Interpretoj (tradukoj), estas kaptitoloj de poemserioj kie la interna riĉo de la aŭtoro disbelas, pompas, ĝojas, kaj malĝojas. Jen peceto pri infanaĝaj rememoroj:

Lerneja bru'. Gojrid infana
Agrablaj saltoj de futbal'
Feliĉa aĝo, diafana,
La plej mirinda vivkristal'!

Kaj pri aktualaj elreviĝoj:

Mi iris hejmen.
Laca.
Post laboro.
Senreviĝinta.
Kun animdoloro.

Ĉiam sub tiu duaspekta vivinstigo: kareso aŭ vipfrapo de la sorto. Ĉu li antaŭsentas la senelireblon de tiu eterna ciklo? Jen mi tuŝis tiklan temon kiu tamen gravas, sed ni lasu momente ĝin.

La libro, posedinda, meritas pluan komentarion sed spaco mankas. Krom konsili la leganton legi la libron nur restas do al mi gratuli la eldoniston, ĉar tiu ĉi poemlibro, kvindeka eldonita sub la emblemo STAFETO, signas la literaturan Jubileon de Eldonejo kies gravan servon al Esperantujo rekonas ĉiu bona Esperantisto.

*N. L. ESCARTIN*

MUZILO-KAJERO n.° 2. Prof. H. Paruzel. Eldonis MUZILO, Frederikstraat, 2. Dordrecht. Nederlando. Prezo: 4,5 ned. gul. aŭ 18 steloj.

MUZILO. Bulteno de la Esperanta Muzikasocio. N.° 3. Aprilo 1965. Prezo: Libervola subteno. Supra adreso.



Recenzanto esprimas nur sian propran opinion pri la verkoj al ĝi afable submetitaj de la aŭtoroj aŭ eldonistoj. Du ekzempleroj de la koncerna verko rajtos recenzon; unu, mencion.

XXVI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

*Aviso*

La RENFE, en amable comunicación, nos ruega informemos a quienes tengan proyectado asistir al XXVI Congreso Español de Esperanto, en Palencia, que de acuerdo con las condiciones de aplicación de la Tarifa especial de G. V. núm. 8, art. 1.°, párrafo II, y las de admisión de viajeros fijadas al efecto, la utilización de trenes Automotores, Taf, Tar y Talgos, requiere la elevación a Tarifa General del importe del billete reducido correspondiente.

El importe de los suplementos a que se hallan sujetos estos trenes u otros de cualquier categoría, será satisfecho por los interesados, sin deducción alguna, teniéndose además en cuenta los mínimos de recorrido que pudieran tener señalados, a la salida de ciertas estaciones.

# KVINA KONGRESO 1909 EN BARCELONA

## (El parolado de Zamenhof)

. . . . . . . . . . . .

En ĉi tiu mia rolo de via reprezentanto, mi antaŭ ĉio atentigas vin pri la granda honoro, kiun faris al ni Lia Reĝa Moŝto la Reĝo Alfonso XIII[a] afable akceptinte la honoran prezidantecon de nia kongreso. Mi esprimas en via nomo nian plej respektan dankon al Lia Reĝa Moŝto. La Reĝo Alfonso XIII[a] longe vivu!

Mi atentigas vin pri la granda simpatio kiun montris al nia afero la registoj de tiu lando, en kiu ni nun troviĝas; ne sole ĉiuj ministroj prenis sur sin la patronecon de nia kongreso, sed la registaro de la lando en sia propra nomo per siaj ambasadoroj oficiale invitis la registarojn de aliaj landoj, ke ili sendu delegitojn al nia kongreso. Por ĉi tiu granda kaj tre grava servo mi esprimas en via nomo plej varman dankon al la registaro de la hispana regno.

Vi scias, kiel energie kaj zorge la loka organiza komitato laboris por belega kaj plej fruktoporta preparado de nia nuna kongreso. Vi scias, ke ili ne perdis la kuraĝon, eĉ malgraŭ la malfeliĉaj Barcelonaj okazintaĵoj, kiuj ĉiun el ni devigis pensi, ke la kongreso en Barcelono estan jam absolute nefarebla. Parton de tio, kion la komitato faris, vi jam vidis, la ceteran parton vi vidos dum la kongreso mem kaj en la postkongresaj tagoj. Al ĉi tiu multe laborinta komitato, kaj precipe al ĝia kara prezidanto, mi esprimas en la nomo de ni ĉiuj nian plej koran dankon.

Vi vidis, kian eksterordinare honoran kaj simpatiplenan akcepton preparis por ni la urbo Barcelono. Vi scias, ke nur apartaj, neantaŭviditaj cirkonstancoj malhelpis la urbon, montri kun plena entuziasmo kaj en sia plena amplekso sian grandan estimon, sian plej vivan simpation al vi, popolo esperantista, al via penado kaj laborado, al via celo kaj esperoj. En via nomo mi esprimas al la urbo nian plej profundan kaj sinceran dankon.

---

**Deziras korespondi**

POLLANDO.—Zjelona Góra. Sro. Czeslaw Jasjonowski. Deziras korespondi kun hispanaj fraŭlinoj.

HUNGARIO.—Budapest XI. Holvilág u. 1. Fraŭ. Isabel Reményi. 18 jara, lernanta la hispanan lingvon deziras korespondi. Interesiĝas pri ĉio.

BULGARIO.—Kazanlak. Str. «Petar Beron, 17. Fraŭ. Penka Milenova. 23 jara bulgarino deziras korespondi kun geesperantistoj.



Sro. Blasco, dekstre, montras la ricevitajn esperantaĵojn.

# Ekspozicioj en la Grupo Frateco de Zaragoza

Dum la pasintaj monatoj, oni organizis tri ekspoziciojn en nia societo kun la celo diskonigi la diversajn aspektojn de nia movado kaj vigligi la agadon de la membroj.

Verŝajne ambaŭ deziroj estis plenumitaj, tial ke multaj personoj vizitis la sidejon de la societo kaj ĉiuj laŭdis la laboron de la entreprenintoj.

Kiel estas kutime en niaj rondoj, ĉio kion oni elmontris apartenis al sendaĵoj de eksterlandaj samideanoj per korespondado, inter alie diversaj poŝkartoj, filateliaj kovertoj, glumarkoj, revuoj kaj libroj.

La unua ekspozicio okazis la 13-an. de Marto kaj estis prezentata de F-ino. Herminia Gil.

S-ro. José Guio prezentis la duan, kiun oni inaŭguris la 24-an. de Aprilo.

La malfermo de la tria okazis la 15-an de Majo kaj estis S-ro. Luis Blasco kiu ĝin prezentis. Al tiu ĉi lasta kiel originala detalo estis aldonitaj kelkaj desegnaĵoj kun gajaj espritaĵoj, rilatantaj la montratajn bildojn.

En la sama vespero samideano Blasco rakontis ekskurson, kiun li partoprenis antaŭ nelonge, kies priskribo amuzis la ĉeestantaron.

La 19-an. de Junio oni intencas organizi distran vesperon kies programon ankoraŭ ni ne scias. Tamen, almenaŭ ni esperas oni plenumos la ĉefan celon kiun motivas tiujn okazaĵojn, tio estas fari ke la ĉeesto en la grupa sidejo estu alloga kaj la nombro da oftaj vizitantoj kresku ĉiutage.

*A. SALETE*

---

## HISPANA ESPERANTA AŬRORO

*Agrupación de Ciegos, Esperantistas Españoles*

Con fecha 31 de enero de 1965, se reunió la Junta Directiva de «Hispana Esperanta Aŭroro», para proceder a la elección de algunos de sus miembros. Con el beneplácito de todos, la Junta ha quedado actualmente constituída como sigue:

PRESIDENTE: Sr. Angel Figuerola Auque (Madrid).
VICEPRESIDENTE: Sr. Mariano Izaola Martínez (Bilbao).
SECRETARIO: Sr. Miguel Cazorla Vela (Vélez-Málaga).
VICESECRETARIO: Sr. José Tormo Cistermes (Villena).
TESORERO: Sr. Timoteo Rodríguez Aguilar (Valencia).

*Miguel Cazorla, Secretario.*

---

# PENSIGAJ BANALAĴOJ

Nian Esperanto-agadon ni devus pravigi per ĝusta kompreno pri la signifo kaj naturo de la atingotaj celoj. Sed, kiu el ni kapablus tion fari *racie* kaj *konvinke*?

★

Ĉu favoras la Esperanto-Movadon la ofta uzado de tiom da ismoj kaj istoj. Ĉu ni ne riskas per tio meti en ĝin stampon, kiun multegaj personoj pravemalprave malŝatas?

Pripensu, kaj eltiru konkludon.

★

Estas iluzio atendi konsenton —despli komprenon— kiam pri vidpunktoj oni parolas. Eĉ rilate gramatikon oni povas rimarki kiel superstiĉo ludas rolon ankoraŭ gravan. La kaŭzo troviĝas *precipe* en la fakto, ke la homo havas naturan dogmemon.

Tiu dogmemo estas ju pli forta kaj enradikiĝinta, despli nekapabla estas la homo por superrigardi la aferon kaj vidi klare kiel artifikaj —kaj ofte malprecizaj— estas la *tradiciaj* klasifikoj, kiuj tamen fariĝis nediskutebla, netuŝebla vero, por doktorecemaj mensmiopuloj.

★

Se tiu homo scias kion mi scias, kiel saĝa li estas! Se ne, kiel stulta kaj senscia! Jen ordinara pensmaniero, multfoje nekonscia.




# XXVIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de H. E. F. okazonta en PALENCIA
de la 20ª ĝis la 24 de Julio 1665ª



HONORKOMITATO: La Palencia ĉefaŭtoritatularo akceptis aparteni al la Honora Komitato de la Kongreso.

SOLENA MESO: En letero al nia Prezidanto, la Episkopo de Palencia, promesis mem celebri la Diservon. Li ankaŭ afable permesis la legadon en Esperanto de la Evangelio kaj Epistolo.

AKCEPTO: La 22-n, okazos ce la Urbodomo la solena akcepto de la kongresanoj flanke de la urbestro de la urbo.

EKSKURSOJ: Du belegaj ekskursoj donos ĉi jare pluan agrablon al la kongresa menuo. La unua, matena, ĝis la ĉarma loko Paredes de Nava, naskiĝloko de fratoj Berruguete, kaj Jorge Manrique. La duan, tuttagan, oni dediĉos al la vizitado de la artaj-historiaj monumentoj de Tamara, Santoyo, Frómista, Villalcazar de Sirga y Carrión de los Condes, kie okazos akcepto de la aŭtoritatoj. Post la tagmanĝo, je la 5.ª horo, reveno al Palencio.

PRELEGOJ: Ĉi jare, du interesaj prelegoj kontribuos altan etoson al ci tiu kultura aranĝo. Dro. Jesús Liaño prelegos en hispana. Sonbendo, trezora, voĉa memoraĵo de ĵusmalaperinta samideana karulo, profesoro Dalmau, aŭdigos al ni lian voĉon en unu el la lastaj publikaj prelegoj adresitaj al la hispanaj samideanoj.

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z-375-63